# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

ÑO VI N.° 3 (63) MARZO, 1954

## EL UNICO BILINGÜISMO POSIBLE

Al constituirse en España la Comisión ante la UNESCO, en cuya octava reunión, que tendrá lugar en Montevideo, se discutirá la oportunidad de resolver el caos idiomático, por medio del Esperanto, la Federación Esperantista Española elevó ante dicha Comisión un Informe sobre la utilidad, altas cualidades pedagógicas y difusión del Esperanto en nuestra patria. Permítasenos añadir a dicho Informe las siguientes consideraciones.

El problema que la ONU ha remitido a la UNESCO para su estudio, aunque resuelto técnicamente hace muchos años por el Esperanto, tropieza con obstáculos diplomáticos y particularistas por parte de franceses e ingleses, que no se resignan a perder una hegemonía idiomática, que cada vez recibe más impactos. Por ello los franceses, que son los más seriamente amenazados, han propuesto en el llamado Consejo de Europa la peregrina idea del bilingüismo franco-inglés, con lo que asegurarían la estabilización de una influencia tambaleante, aunque compartida con los ingleses.

Amén del fracaso sufrido en la votación, a pesar de que muchos consejeros votaron benévolamente sin conocer a fondo el asunto, la pretendida solución no es viable, por cuanto la inteligencia entre optantes por uno u otro idioma no sería siempre coincidente, y mal podría entenderse un italiano que eligiese el francés con un sueco que hubiese preferido el inglés.

Además, al no estar España representada en tal Consejo, la decisión hubiese sido, por lo menos, prematura, y creemos no equivocarnos al asegurar nuestra impugnación, al ser en su día sometida a nuestro criterio, puesto que los españoles no aceptarán nunca la supeditación a otros idiomas de indudable inferioridad literaria o de menor difusión mundial.

Por ello, el único medio de solventar el caos idiomático es el verdadero bilingüismo: *Cada cual con su idioma, y el Esperanto*

# UN GRAN AMIGO DEL ESPERANTO, EN LOS ALTARES

## VA A SER CANONIZADO EL BEATO PIO X

### Fué el primer Papa que bendijo el movimiento esperantista católico

*«L'Osservatore Romano» ha publicado un artículo sobre el Beato Pío X y el Esperanto*

No pretendemos resumir en estas breves líneas la vida ejemplar de Pío X. Sólo queremos poner de manifiesto la gran satisfacción de los esperantistas católicos del mundo entero, al conocer la noticia de la próxima canonización del que fué ilustre amigo y benefactor del Esperanto, José Melchor Sarto, Pío X en el Pontificado.

Recientemente, el Cardenal Primado de Alemania y Arzobispo de Salzburgo, Dr. Andreas Rohracher, en carta dirigida a los organizadores del monumento al creador del Esperanto, en Wörgl, Austria, ha precisado una fecha que los esperantistas católicos no deben olvidar: la del 27 de Junio de 1906, en que el Papa Pío X dirigió su mensaje con la bendición papal al movimiento esperantista católico y a su preclaro portavoz, el Rvdo. Padre Peltier, fundador del primer periódico católico en Esperanto, «Espero Katolika». Su lectura, durante el 2.° Congreso Universal de Esperanto, celebrado en Ginebra en 1906, provocó una tempestad de aplausos, que fueron fervientemente secundados, incluso por los congresistas no católicos.

El órgano del Vaticano, «L'Osservatore Romano», publicó en su número del 23 de Septiembre de 1951 un extenso artículo del eminente mariólogo italiano Revdo. Padre Gabriele M. Roschini, con el título «El Beato Pío X y el Esperanto». Dice su autor, entre otras cosas: «Los esperantistas, que son ya centenares de miles, esparcidos en las distintas partes del orbe, recordarán con viva satisfacción el juicio benévolo y previsor del Beato Pío X: *Veo en el Esperanto un valioso medio para mantener la unidad de los católicos de todo el mundo.* ¿Preveía tal vez el Papa Santo la hora ansiada, en la que todos los hijos de la humana familia, particularmente los católicos, derribada la Babel lingüística, volvieran a entenderse recíprocamente y a elevar, con el mismo acento, su himno de loor y gratitud al Padre común que está en los Cielos, al Rey y a la Reina de todo el Universo?»

En estos momentos, más que nunca, los esperantistas católicos elevan sus preces a su celestial protector Pío X, para que, por su mediación, alcance el mundo la dicha de ver oficialmente reconocido el Esperanto como segundo idioma de todos los pueblos.

*Darío Rodríguez López de Silva.*

---

*para todos.* Cualquier otra solución sería, en realidad, un «trilingüismo» o algo peor, que perpetuaría el intolerable caos que se pretende, con loable propósito, conjurar.

El Esperanto es la única solución viable, por su perfección, sencillez, neutralidad y flexibilidad literaria.

Bajo nuestro punto de vista, el único medio de garantizar nuestro honor idiomático, sin humillar el de otras minorías que, aunque menos importantes, no son por ello menos respetables, es el de valorizar cada idiona nacional, utilizando el Esperanto como idioma auxiliar para las relaciones internacionales, con lo que todos quedarían en el mismo plano.

Nos ha llegado la afirmación, de que nuestro punto de vista será defendido por varias naciones entre las más cultas y ecuánimes con representación en la UNESCO. La proverbial hidalguía española puede confirmarse, con motivo de su primera actuación en Montevideo, votando y, aún, proponiendo la única solución lógica, eficaz e imparcial, que es el Esperanto.—*R. H.*

BOLETIN
de la
FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA
BULTENO
DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
VALENCIA

Redakcio: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Adresoj de la Federacio
Sidejo: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
Oficejo: Str. Pelayo, 7, 1.ª
Telefonoj: 19532 kaj 53579
Oficej-horoj
9 ĝis 13'30 kaj 15 ĝis 20
Sabate: nur 9 ĝis 13
Kunvenejoj
Marde: Str. Ruzafa, 7 (Casa Chaume)
De la 22'30 ĝis 24
Sabate: Montepio de la Dependencia Mercantil
Str. San Vicente, 67, 1.ª
De 15'30 ĝis 18
Kotizoj de la Federacio
Simpla membro: 15 pesetojn jare
Membro-abonanto: 40 pesetojn jare
Membro-subtenanto: 75 pesetojn jare
La membroj de la du lastaj kategorioj ricevas la Bultenon. La subtenantoj ricevas du ekzemplerojn.
Eksterlanda abono al la Bulteno: 40 pesetojn jare
Monsendojn adresu al:
S-ro Ernesto Hurtado
Str. Pelayo, 7, 1.ª - VALENCIA

## SCIIGOJ DE LIBROSERVO

Sekve de la dissendo de nia Librolisto un la januara numero de BOLETIN, lvenis konsiderinda nombro da mendoj, ri kies plenumo ni okupiĝas. La librojn, ri kiuj ni havas stokon, ni ekspedas tuj la ricevo de la mendo. Sed pri kelkaj liaj libroj, ni mendis ilin al la koncernaj ldonejoj, kaj ili estos ekspedataj al niaj nendintoj tuj kiam ni ricevos ilin. Ni etas, havi iom da bonvola pacienco.

Nia provizo pri la libro «Sango kaj ablo» jam estas elĉerpita. Do ni ne povas lenumi pliajn mendojn.

ibroservo de HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Pelayo, 7 — VALENCIA






## FEDERACIAJ KOMUNIKOJ

Ni preparas la eldonon de la Adresaro de la Hispanaj Esperantistoj. Ĝis nun, spite de niaj alvokoj, niaj membroj montris ne multe da intereso pri tiu Adresaro, ĉar nur malmultaj sendis al ni personajn detalojn, aperontaj en tia libro. Tamen kelkaj pruvis per siaj oftaj skribaĵoj, ke tiu afero estas bezonata. Ni do decidis entrepreni la eldonon, uzante por tio la materialon, kiun ni posedas. Ĉiuj samideanoj dezirantaj aperigi sciigojn pri profesio, telefonnumero k. a., bonvolu informi nin antaŭ la 15-a de Aprilo. Post tiu dato ni komencos la eldonon de la libro. Ni akceptos komercajn kaj profesiajn anoncojn, je la prezo de 25 pesetoj.

Ni rememorigas, ke «Informa kaj Kunordiga Servo» sidas nun ĉe «La Verda Kolombejo», Esperanto-Grupo, Ciaño-Santa Ana, Asturias. Ĉiuj lokaj Delegitoj devas kontakti kun tiu Servo, kaj ili ricevos la gazeton «Heleco».

«Gazetara kaj Radia Servo», Galileo, 51, 5.°, derecha, Madrid, deziras kontakti kun ĉiuj niaj membroj, kiuj povas influi por la publikigo de artikoloj kaj sciigoj en la nacia gazetaro, kaj por radio-elsendoj. Ĉiuj membroj estas petataj sendi al ĉi tiu Servo minimume unu ekzempleron de la gazeto, kiu publikigis ion pri Esperanto. La Direktoro de la Servo, S-ano Dario Rodriguez, dankas al ĉiuj samideanoj la senditajn gazetojn, bedaŭrante ne povi fari tion perletere al ĉiu afabla sendinto, pro manko de tempo.

Pri la du unuaj kaj du lastaj paĝoj de ĉi tiu numero de BOLETIN, ni presigis aparte ian nombron da ekzempleroj, kun la celo uzi ilin por propagandi inter la ne-esperantista publiko. La «Gazetara kaj Radia Servo» sendas ĉi tiujn foliojn al la hispanaj gazetoj, radiostacioj kaj aliaj organizoj. Esperanto-kluboj kaj interesuloj petu tiajn propagandilojn al la «Informa kaj Kunordiga Servo» ĉe «La Verda Kolombejo», laŭ supre citita adreso.

Ankaŭ oni presigis flugfoliojn specialajn por propagandi pri Esperanto-kursoj. Kluboj kaj kurs-estroj petu tiajn flugfoliojn al la «Informa kaj Kunordiga Servo».

# NOVAJ LIBROJ

*Recenzistoj esprimas ĉi tie siain proprajn juĝojn pri verkoj.*
*La Redakcio kaj la Estraro de H E F estas tute sendependaj de iliaj opinioj.*

**LA HOMARO KAJ LA MONDBILDO,** de Martinus. El la dana originalo tradukis C. Graversen. Kontrolita de Literatura Komitato de S. A. T. Formato 13 x 19 cm., 124 paĝoj. Prezo: 13'20 UL-steloj aŭ 11 int. respk. plus 10 % por sendkosto. Eldonis Esperanto-Sekcio de la Spirita Scienca Instituto de Ma tinus, Mariendalsvej 94 - 96, Kopenhago F., Danujo.

Laŭ S-ro L. Friis, dana recenzisto, la nomo Martinus estas preskaŭ ne konata ekster Skandinavio. Tial oni devas gratuli la Spirit-Sciencan Instituton, ke ĝi utiligis nian internacian lingvon por internacie konigi lian nomon kaj lian sciencon. Tiu ĉi verko, bindita en verda tolaĵo kun orpresita simbolo sur la frontpaĝo, tuj altiros ĉies atenton. Unuflanke, ĝi speciale interesas al propraj adeptoj aŭ inicitoj, ĉar majstre resumas diversajn ĉefajn punktojn de liaj teorioj, t. e. analizoj kaj kosmologiaj ideoj pri la vivo.

Martinus kredas ke lia libro «estos inspiro al multaj homoj pri tio, kion klara racia analizo povas sciigi al homo koncerne lian rilaton al aliaj homoj, al la universo kaj al Dio». Aliparte, la interesuloj havos okazon eltrovi novajn sciencajn horizontojn, kiuj ampleksos ilian menson. La libro entenas 69 ĉapitrojn, el kiuj mi rimarkigas kelkajn: —Sen perfekta kono pri la mondbildo, la homaro ne estas savebla.— La plej danĝera malamiko de la tera homo estas li mem.—La tera homo scipovas tro multe koncerne materion, kompare kun lia spirita evoluo. —Kiam forto unuiĝas kun amo al proksimulo, estiĝas la paco. Ĉi-lasta ĉapitro donas klaran kaj perfektan ideon pri la filozofia penso de Martinus. Efektive, la amo estas la spirita kaj morala principo sur kiu la aŭtoro bazas sian doktrinon. La esenco de lia instruo estas, laŭ ordono de Jesuo: «*Ami la proksimulon kiel sin mem*». Bedaŭrinde, la homaro ofte forgesas ĝin. Pro tia karitmanko, la homoj, kiel lupoj, ĉiam freneze interbataladas; ankoraŭ miloj da ili estas ĉie kripligataj aŭ murdataj. Nur per sincera altruismo, helpemo, donacemo, toleremo kaj super ĉio, amo, oni povos ekstermi definitive la patologian sangverŝadan militon, kaj anstataŭigi ĝin per daŭra, vera paco. Forto kun amo perfekte unuigitaj, jen tro belega revo por esti realo, sed sublima efektivigenda celo al kiu ĉiuj, senescepte, devas direkti, kiel eble plej baldaŭ, siajn komunajn klopodojn kaj idealojn.

Rilate la lingvon, la traduko estas bonega, kio permesas legi ĝin flue, facile kaj amuze. Tial la libro estas tre rekomendinda al ĉiu studema samideano.

*Jaime Aragay.*

**INFORMILO PRI LA SPIRITA SCIENCO DE MARTINUS,** eldonita de la Spirit-Scienca Instituto de Martinus, Esperanto - Sekcio, Mariendalsvej, 94-96, Kopenhago F., Danujo. 24 paĝoj. Prezo: 4'80 UL-steloj aŭ 4 int. respk.

Per ĉi tiu kajero la Esperanto-Sekcio supre citita komencas esperantlingvan publikigon de kosmaj analizoj de la mondbildo. Ĝi enhavas kelkajn specialajn fragmentojn, simbolojn kaj bildojn. Ĝuste, bildon titolitan «Civilizacio», pro ĝia profunda filozofia senco, mi ne povas flankenlasi: Sur la supra parto aperas belega supersona aviadilo reprezentanta la Teknikon, kontraste kun tera multpeza testudo kies rolo estas la Moralo. La klara ironio de tia frapega alegorio bezonas nenian komentarion. Ĝi, per si mem, plene evidentigas la realan dualismon en kiu, kiel terura kontraŭdiro, ĉiam baraktas la tuta homaro. Vere, estas tiel malfacile kupli tiujn du partojn de la homa progresmaŝino! Ĉar tio estas precize la delikata kerno de la socia afero.

*Jaime Aragay.*

# KALEJDOSKOPO

## RIGARDO AL LA ESPERANTO-GAZETARO

### KIO FARAS ESPERANTAN LEGAĴON MALFACILA?

Ĉe Esperanto ekzistas du sin reciproke kontraŭagantaj problemoj, la problemo de la skribanto kaj tiu de la leganto.

Por la skribanto estus plej facile, se la vortordo kaj vortfarado de Esperanto estus tute libera, tiel ke li povus plej eble «fidele» traduki el sia propra lingvo, ne ŝanĝante la vortordon aŭ penante fari el la naci-lingva kaoso iun ajn ordon. Tiamaniere Esperanto ĉiam estus kvazaŭ ombro de la naciaj lingvoj kaj neniam fariĝus memstara lingvo, kaj oni devus lerni la esprimmanierojn de ĉiuj aliaj lingvoj kvazaŭ lernante novan lingvon.

La postuloj de la leganto estas tute aliaj. Li volas facilan, logikan stilon, li ŝatas vidi la alkutimitajn vortojn en la kutima ordo, tiel ke la vortordo aŭ vortelekto kunhelpu por facila kompreno de la enhavo. Nekutimitaj frazoj aŭ vortkonstruoj ĉiam tendencas forkonduki de la glata fluo de la rakonto kaj faras la stilon malfacile komprenebla. La legantoj ĉiam volas vidi la vortojn en sia kutima vesto, artifikoj kondukas al mistifikoj. Oni ĉi tie agu laŭ la principoj de neceso kaj sufiĉo, sed oni ne tro devestu la vortojn. Pri vorto alkutimita oni neniam bezonas cerbumi, sed nova stranga konstruo povas kaŭzi multe da meditado.

Kio do estas la kaŭzo, ke kelkaj libroj estas facile legeblaj, dum aliaj estas netolereble «pezaj»? Mi povas ĝin tuj diri: Ĉio dependas de la stilo, vortaranĝo, kaj la vortelekto! Zamenhof diras, ke tiu stilo estas bona, kiu estas klara, eĉ se ĝi estas gramatike erara, dum eĉ gramatike perfekta stilo povas esti malbona.

Kiam oni tradukas, oni ne devas redoni la lingvan propraĵon de la originalo. Tiun propraĵon sentas nur la samlingvanoj. Do oni neniam povu vidi laŭ la stilo, ĉu libron tradukis ruso aŭ svedo aŭ anglo. «La vera stilo Esperanta estas nek slava, nek germana, nek romana, ĝi estas nur stilo simpla kaj logika. La stilo de Esperanto ne imitas blinde la stilojn de aliaj lingvoj, sed havas sian karakteron tute specialan kaj memstaran, kion oni povas al si nur akiri, se oni atente legas kaj imitas bonstilajn Esperantajn tekstojn kaj verkojn. Estas evitinde laŭvorte traduki la naciajn specialajn esprimojn, precipe la naciajn idiomojn, male oni devas ĉiam klopodi la veran s e n c o n de la naciaj esprimoj redoni en ĝusta Esperanta, en vere internacia stilo». (Cit. el Sintakso de Török Péter).

La principoj por ĝusta Esperanta stilo estas proksimume: Oni neniam devas disigi tion, kio nature kaj logike estas interligita. Oni ne senbezone inversigu la vortordon, nekutime lokita vorto devas doni al la frazo specialan signifon, kaj ne esti hazarda kaprico de la verkanto.

La malfacilaĵo plej multe devenas de tio, ke la verkistoj pensas en sia propra lingvo kaj tradukas siajn pensojn aŭ siajn frazojn laŭ sia propra nacilingva kutimo kaj ne laŭ la internacia. Oni nun iom post iom povas videti pli fiksan kaj memstaran stilon ĉe la Esperantaj verkistoj kaj tradukistoj. Kiam oni estos veninta al tiu punkto, ke ekestis «internacia» stilo en Esperanto, tiam oni povos diri, ke Esperanto estas memstara lingvo, havanta sian propran stilon, kiu estas la plej logika kaj plej facila en la mondo. Tiu punkto jam estas atingita de kelkaj grandaj verkistoj, kaj Zamenhof montris la vojon.

*Henry Fridén*

*en «NORVEGA ESPERANTISTO»*

**VARBU MEMBROJN POR NIA FEDERACIO!**

# LA VOĈO DE L' KONGRESO




XV-ª Hispana Kongreso de Esperanto
24 - 27 Julio 1954

Adreso de la Organiza Komitato:
Santa Isabel, 10 - ZARAGOZA

La Komitato febre laboras, aranĝante la diversajn programerojn, kaj havas tre interesajn projektojn, kiujn ni priskribos kiam ili fariĝos realaj partoj de la programo. Inter la junularo regas granda entuziasmo kaj komenciĝis pluraj kursoj por komencantoj kaj por progresintoj. Oni antaŭvidas, ke multaj kandidatoj prezentiĝos al la ekzamenoj pri esperantlingva kapableco. Ĝis la fino de Februaro alvenis 120 Kongres-aliĝoj. Jen la lastaj informoj pri la Kongres-aranĝoj:

*GLUMARKOJ.* Supre ni reproduktas la glumarkon. Ĝi havas du kolorojn, do pli alloga kaj bela ol tiuj ĝis nun eldonitaj por la antaŭaj Kongresoj. Aĉetu kaj uzu la plej grandan kvanton, por reklami ĉie pri nia venonta kunveno de Zaragoza. Bloko de 10 markoj, unu peseton, ĉe la Organiza Komitato.

*POŜTKARTOJ.* Ekzistas serio de 10 ilustritaj poŝtkartoj kun belegaj vidindaĵoj de la urbo, kun klarigoj en Esperanto. Ankaŭ tre taŭgaj por la propagando. Mendu ilin ĉe la Organiza Komitato. Prezo: 1'50 pesetojn ĉiu poŝtkarto.

*INTERNACIA EKSPOZICIO.* Dum la Kongreso, okazos Ekspozicio pri esperantaĵoj. La Komitato petas al la en— kaj eksterlanda samideanaro, afable sendi materialon por ĉi tiu Ekspozicio, kiu, oni deziras, estu grava kaj interesa.

*LIBROSERVO.* Ĉi tiu utila servo de nia Federacio funkcios dum la daŭro de la Ekspozicio kaj en la sama ejo.

*LITERATURA KONKURSO.* Kiel anoncite en nia antaŭa bulteno, en la kadro de la Kongreso okazos ĉi tiu Konkurso, laŭ jenaj kondiĉoj:

1.ª La temoj estos:

A) ORIGINALA POEZIO. Libera elekto pri rimo kaj metriko. Ne pli longa ol kvindek versojn.

B) ORIGINALA PROZO. Libera temo pri enhavo. Ne pli longa ol proksimume 2.000 vortojn.

C) Versa, esperanta traduko de la poemo de Antonio Machado: «Anoche cuando dormia...»

Ĉ) Esperanta traduko de la fragmento de la verko de Baltasar Gracián: «El Criticón», ĉiapude kopiita.

2.ª Oni disdonos unu premion kaj unu subpremion al la du plej bonaj verkoj en ĉiu el la kvar temoj.

3.ª Limdato por ricevo de verkoj: 30 Junio 1954.

4.ª Oni sendu la verkojn kun tre klara indiko pri nomo kaj adreso de ties aŭtoro, per rekomendita poŝto, al la Organiza Komitato.

*Poemo de A. Machado: «Anoche cuando dormía...», deviga temo por la esperanta traduko en la Literatura Konkurso, parto C.*

**Anoche cuando dormía
soñé, ¡bendita ilusión!,
que una fontana fluía
dentro de mi corazón.
Dí, ¿por qué acequia escondida
agua, vienes hasta mi,
manantial de nueva vida
en donde nunca bebí?**

**Anoche cuando dormía
soñé, ¡bendita ilusión!,
que una colmena tenía
dentro de mi corazón;
y las doradas abejas
iban fabricando en él,
con las amarguras viejas,
blanca cera y dulce miel.**

**Anoche cuando dormía
soñé, ¡bendita ilusión!,
que un ardiente sol lucía
dentro de mi corazón.
Era ardiente porque daba
calores de rojo hogar,
y era sol porque alumbraba
y porque hacía llorar.**

**Anoche cuando dormía
soñé, ¡bendita ilusión!,
que era Dios lo que tenía
dentro de mi corazón.**

*Fragmento de la verko de Baltasar Gracián: «El Criticón», deviga temo por la esperanta traduko en la Literatura Konkurso, parto Ĉ.*

**Crecía en ambos a la par el deseo de saberse las fortunas y las vidas; pero advirtió el entendido náufrago que la falta de un común idioma les tiranizaba esta fruición. Es el hablar efecto grande de la racionalidad: que quien no discurre, no conversa. Habla, dijo el filósofo, para que te conozca. Comunícase el alma noblemente, produciendo conceptuosas imaginaciones de sí en la mente del que oye, que es propiamente el conversar. No están presentes los que no se tratan, ni ausentes los que por escrito se comunican. Viven los sabios varones ya pasados y nos hablan cada día en sus eternos escritos, iluminando perennemente los venideros. Participa el hablar de lo necesario y de lo gustoso. Que siempre atendió la sabia naturaleza a hermanar ambas cosas en todas las funciones de la vida. Consíguense con la conversación a lo gustoso y a lo presto las importantes noticias y es el hablar atajo único para el saber. Hablando los sabios engendran otros y por la conversación se conduce al ánimo la sabiduría dulcemente.**

**De aquí es que las personas no pueden estar sin algún idioma común para la necesidad y para el gusto. Que aún dos niños, arrojados de industria en una isla, se inventaron lenguaje para comunicarse y entenderse. De suerte que es la noble conversación hija del discurso, madre del saber, desahogo del alma, comercio de los corazones, vínculo de la amistad, pasto del contento y ocupación de personas.**

## OMAĜO AL SAMIDEANO LUIS HERNANDEZ

Pasintan dudek-sepan de Februaro, la valencia esperantistaro, reprezentante la tutan hispanan, omaĝis la fervoran samideanon Ludoviko Hernández, kiu ĵus eksiĝis kiel ĉef-redaktoro de nia bulteno. En centra restoracio kuniĝis kvardeko da gesamideanoj, kiuj, tre amikece, pruvis al la omaĝato: dankemon, admiron kaj estimon. D-ro Herrero dediĉis la omaĝon, kiel li diris, ne nur nome de la ĉeestantaro, nek de la hispana samideanaro, sed de la tutmonda, ĉar Esperanto estas mirinda afero kiu ebligas ke talento kaj meritoj estu bone ŝatataj kaj taksataj sur la tuta terglobo. Poste, li emfazis pri la altaj kvalitoj, senlaca laboro kaj oferemo de «La legema koboldeto» por Esperanto, kaj, por pli bone kaj inde reliefigi ilin, la parolinto legis poemeton, kiu estis tre aplaŭdata de ĉiuj. Poste, samideanoj Bosch, Vizcaíno, Quiles kaj Jacobs, el Antwerpen, legis diversajn salutleterojn kaj poemojn, inter kiuj ni devas mencii tiujn de samideanoj Alavedra, el Tarrasa, Vilá, el Barcelona, kaj Schoon, el Haarlem.

Tute kortuŝite, la omaĝata samideano esprimis sian dankemon al la oferantoj, kaj klarigis ke li ne estus forlasinta sian postenon en BOLETIN, se li ne estus tute certa pri ĝia viveblo kaj elteneblo, kaj pri la kapablo de sia anstataŭanto. Per tute priĉizitaj kaj mirindaj frazoj, li kantis al Esperanto kaj al tiu sincera sento de amikeco inter esperantistoj en la tuta mondo. Fininte, dum tondra aplaŭdado, samideano Hernández akceptis, okaze de tiu memorinda vespero, kelkajn donacojn, kiuj rememorigos lin, por ĉiam, pri tiom sincera omaĝo al liaj meritoj.—*R. H.*

# LA MONAĤEJO DE L' RIVERO PIEDRA



De Zaragoza, laŭ la vojo al Madrid, oni atingas la urbon Calatayud post 85 kilometroj; ĉirtie oni daŭras laŭ malpli grava vojo en direkto al la sudo, kaj post aliaj 29 km., oni alvenas al seka altebenaĵo. Kaj interne de ĉi tiu seka montetaro, la rigardo renkontas la faman Monaĥejon, fondita en 1195 de la monaĥoj venintaj el la Monaĥejo de Poblet, Tarragona. El la unua konstruaĵo, ankoraŭ restas en bona stato la Omaĝa Turo, vera juvelo de la XII-a jarcento, la malsupra parto de la fasado de la antikva gastejo, la malaltaj klostroj, la manĝejo kaj la kuirejo. El la baroka epoko, restas ankaŭ interesaj belaĵoj, sed tial ke nia ĉefa celo por ĉi tiu artikolo, ne estas la priskribo de homaj verkoj, sed de tiuj faritaj de la Naturo, ni transirante pordon iras de seka pejzaĝo al la plej admirinda natura ĝardeno, vera surtera paradizo, se tie estus permesate vivi sola.

Vere la monaĥoj sciis serĉi la lokon, kaj por la vizitantoj la kontrasto estas eĉ nekredebla. Oni povus diri, ke la sekeco de la aragonaj montoj en tiu ĉirkaŭaĵo ne havas alian celon ol esti kadro por ke la Naturo pli kontraste montru la plej altgradan fantaziaĵon. Lumo, akvo, vegetaro, rokoj, ĉio harmonie formas aron unikan, antaŭ kies perfekteco restas la animo ravita, kaj ne trovante vortojn por esprimi tian admirindon mi diros la samajn vortojn de la granda poeto Campoamor pri la Monaĥejo de Piedra:

«Se de l' arto ĝi estas la oka mirindaĵo,
de l' arto natura estas ja la unua».

Jes, mi vidis sufiĉe da naturaj belaĵoj en Hispanujo kaj en eksterlando, sed en tiom malgranda spaco (2000 metroj de perimetro) mi neniam vidis aliloke tiom da belegaj naturaĵoj. Mi kiel sportmontisto iomete bedaŭras, ke la vojetoj ne estas tute naturaj por iri de unu kaskado aŭ belaĵo al alia, sed ankaŭ oni devas kompreni, ke tiuj artefaritaj vojetoj kaj pontetoj treege faciligas la rapidan viziton helpe de la direkton montrantaj sagoj. Ni vidos dek kaskadojn tre diversformajn en arta konkuro. Ilia alteco estas inter 10 kaj 52 metroj, kaj ne pro la alteco sed pro la beleco de ĉiuj mi ne kuraĝus katalogi unu antaŭ la alia. Ni vidos la imponan belecon de la «Lago de l' Spegulo», enkadrita en amfiteatro el altaj kaj tre brilantkoloraj rokoj, kaj kun akvo tiel klara sur fundo el kreskaĵoj kaj algoj, ke ĝi tute kiel spegulo reflektas ĉion ĉirkaŭantan. Pri la

al la paĝo 30.

# VERDA PARNASO

## Al Francisko Valdomiro Lorenz

*(Okaze de lia 80-a naskiĝa datreveno, 24-12-1953).*

I

Du homoj paŝis tra silenta bedo
Plantita, sur ĝermiga nigra grundo.
Per plej majestaj rozoj en profundo!
Kun manoj super tiu rozposedo

El ties mensoj venas stranga kredo
Naskita de la samo en sekundo:
Belege —diras unu— ruĝa vundo
De rozoj ŝvebas ĉie en bukedo!

Plezure preterpasis la unua.
Kun la vizaĝo streĉe malespera
Alvenas scivoleme nun la dua:

Ve! kia kampo vasta kaj danĝera
Montriĝas jam dum la aŭroro frua:
Jen granda bedo nur de dorno fera!

II

Memoru ke la vivo, ĉu vulgara,
Ĉu la sublima, estas kampo vasta
Kaj tie rozo kun viglem' elasta
Plektiĝas kun la dorno plej amara.

Francisko Valdomiro Lorenz kara!
Vi, per klopodo okdekjare ĉasta
De la premio homa, celo lasta
De multaj, agis pro la ben' homara!

La rozoj floras apud via strato
Kaj ili tiel multas ke atestas
Pri la kapablo, kia vi mem estas!

Kaj se ĉe rozoj kuŝas pikoj, frato,
Rigardu ke la dornoj mem valoras
Por tiaj rozoj, kiuj nun odoras.

*Geraldo Mattos.*

*Rimarko.* En ĉi tiuj sonetoj troviĝas neniu vorto en akuzativo; la poeto, per lerta uzado de la vortoj, evitis ĉiujn akuzativojn

## La Plej Mallonga Soneto

Floro
Maja,
Koro
Gaja

Ĉasas
Helon,
Lasas
Belon,

Riĉo
De l'
Floro,

Niĉo
El
Oro.

*Geraldo Mattos.*

## Hispana Abstino

Iam inter la hispanoj
sidis mi agrable
diskutante kun rondanoj
vinospecojn table.
Unu diris: «Se rilatas
vin kaj la abstinon,
kion vi prefere ŝatas
akvon aŭ la vinon?»

De alia tre medite
venis la respondo:
«Kiam akvo altkvalite
ŝprucas el la monto,

tre malvarma, tute pura
kaj kristale klara,
en kaskado senmezura
kiel Niagara;

Kiam ŝaŭme ĝi torentas,
pikas la inklinon,
tiam —se soif' potencas—
mi elektas... vinon!»

*Poul Thorsen.*

**Inspirita de gaja kunesto kaj petola dialogo inter valenciaj samideanoj Herrero kaj Vizcaino en Banloko «Benimar», Valencia, somere 1950.**

# LAUTPAROLILO DE LA ESPERANTISTARO

## Opinioj, sugestoj kaj kritikoj de la legantoj

### ĜUSTIGO

En la novembra BOLETIN (p. 540-541) aperis, pro la bonvolo de ĝia redaktoro, artikolo mia. Bedaŭrinde, pluraj preseraroj enŝteliĝis, kaj ili, kun kelkaj aliaj eraretoj, eble konfuzis la legantojn. Tial, bonvolu korekti:

Dua kolono, linioj 19-20, temas pri la statistiko farita de la C. E. D. de UEA, raportita sur paĝoj 176-177 (ne -477) de 1952, kaj la membrostatistiko por la jaro 1951, raportita sur p. 63 de la sama jarkolekto, kaj montranta la membrogajnon dum unu jaro.

Dua kolono, linioj 13-14, temas pri la bedaŭrinda agado de diversaj esperantistoj subtenantaj movadojn por revivigi antikvajn lingvojn nur por ke tiel la nuna universaleco de la angla, franca, hispana, rusa lingvoj malgrandiĝu. Estas la devo de interlingvisto strebi por kiel eble malmultaj lingvoj en la mondo, ne kiel eble pli multaj.

Tria kolono, linio 20, temas pri oktobro de 1952, ne de 1953.

Kvara kolono, linioj 10-11; la *Ilustrita Vortaro de Esperanto*, pro la multaj presproblemoj kreitaj de tiu grandega verko, malfruas multe, sed nun (mezo de januaro) estas kompostata kaj aperos kiel eble plej baldaŭ.

*Donald R. Broadribb.*

---

LA MONAĤEJO: de la paĝo 28.

beleco de la groto «Ĉielarko» ni diru nenion, ja oni devas ĝin viziti, kaj tie la vizitantoj povos konstati, ke ne facile oni povas trovi vortojn por priskribi tiun feinan groton, lumigata nur de la sunradioj enirantaj tra la akvo de la kaskado «Vosto de Ĉevalo», nura natura enirejo al la groto. (Tamen ne timu, ĉar vi eniros tra artefarita tunel-ŝtuparo).

La «Roko de la Diablo», la trutfaktorio, la «Lago de l' anasoj», k. t. p., k. t. p., ĉion ĉi vi povos admiri en la venonta somero okaze de la oficiala ekskurso arangita de la XV-a Hispana Kongreso de Esperanto, en Zaragoza, kaj vi certe revenos hejmen kun la plezuro esti vidinta hispanan konindan naturlokon.

*Salvador Morales.*

### ALVOKO

Sinjoro tre interesema pri kulturaj, sociaj kaj internaciaj aferoj, kiu iam strece laboradis kaj trafe helpis evoluigi la tiaman popolan kulturon —jen aperigante bonstile skribitajn artikolojn en lokaj gazetoj, kies inda enhavo estis kvazaŭ atendata frandaĵo por la tiamaj legantoj, jen parolante publike pri diversaj aferoj- , iun tagon diris al mi, ke la internacia lingvo Esperanto ne taŭgas por literaturadi; ĝi estas nur uzebla —enfaze li asertis—, por filateladi, intersanĝi salutojn, korespondadi kaj propagandi varojn ĉe internaciaj komercistoj. Ankaŭ mi devas mencii, ke li iam aliĝis al esperanta grupo.

Vi, kara leganto, legu atente kaj meditu profunde, penetrante la kernon de tiu supre menciita fakto, kaj poste rigardu atente kaj stude kiel eble plej larĝe nian aferon. Tuj vi konstatos la ekziston de multaj kialoj, kiuj ege malakcelas la evoluadon de la loka esperanta movado kaj sekve tiun de nacia kaj internacia.

La kialoj, kiujn oni malkovras estas variaj je nuancoj kaj miaopinie la plej akcentindaj tiurilate estas jenaj: la apatio kaj neglekto de la plejmulto el la malnovaj esperantistoj, kiuj malzorgis sendi siajn gefilojn al niaj vicoj. Ankaŭ la saman neglekton oni trovas tra la tutmonda esperantistaro koncerne la aĉetadon de altkvalitaj libroj; estas tre maloftaj la esperantistoj, kiuj havigis al si areton da bonaj libroj; kaj fine, jen vero, kiun kuraĝe ni devas konfesi al ni: la supraĵa kono de la lingvo igas la geesperantistojn timemaj antaŭ tiuj, kiuj sin rajtigas maldelikate babilaĉi pri niaj aferoj. La plej bona rimedo por silentigi tiajn babilemulojn estus elmeti antaŭ iliaj nazoj internaciajn bonajn verkojn kiel: RIGARDU LA TERON, RETORIKO, LA FARAONO, KON-TIKI, k. t. p.

Samideanoj, la esperanta movado tamburas alvokon al laborado; ĝi eĥu en ĉies koroj, kiuj batas por la idealo, kiu estas esence ligita al ĝi kaj al kiu apartenas ankaŭ la evoluo de nia kulturo.

*Antonio Criach.*

# CÓMO Y POR QUÉ NACIÓ EL ESPERANTO

Desde hace siglos se ha sentido en el mundo la necesidad de un idioma internacional. Se crearon diversos proyectos; pero todos fracasaron, a excepción del Esperanto. El poco éxito de los demás se debió a que resultaron demasiado difíciles e inadecuados para el fin que perseguían. Zamenhof, al observar la existencia de un considerable número de palabras, cuyas raíces son idénticas en numerosos idiomas, llegó a una lógica conclusión. ¿Por qué no aprovechar el inmenso caudal de palabras comunes que ofrecen las lenguas más generalizadas? Al profundizar en este estudio, vió el camino abierto para lograr lo que ninguno de los demás proyectos consiguió: un idioma que cualquier persona encontrara fácil, por hallar en él muchas palabras ya de antemano conocidas, por existir en su lengua materna. Como resultado de sus interesantes investigaciones, adoptó aquellas características que, por sus ventajas, consideró dignas de ser incorporadas a su proyecto: del italiano tomó su melodiosa dulzura; del inglés, la simplicidad de la conjugación de sus verbos; del español, la invariabilidad de la pronunciación de sus vocales y consonantes, y la cualidad de que todas sus letras escritas se pronuncien. Y de todos, el vocabulario, constituído por las raíces comunes al mayor número posible de lenguas. Estableció unas reglas fijas, sin ninguna excepción, para la construcción de las palabras. Su gramática sólo consta de 16 reglas.

Hizo terminar los substantivos siempre en *o*; los adjetivos, en *a*; el infinitivo de todos los verbos, en *i*; los adverbios, en *e*. Y sirva esta sucinta explicación como un ejemplo de la admirable sencillez del idioma internacional. Variando la terminación de una palabra, construiremos una serie de ellas en relación con la primera. Y así, podremos hacer lo siguiente:

*Amo* : *Amor*
*Ama* : *Amoroso, amorosa*
*Ami* : *Amar*
*Ame* : *Amorosamente*

Como otro sencillo ejemplo, citemos que para la palabra *mesa*, que en francés e inglés es *table*, en italiano *tavola*, en catalán y valenciano *taula*, y en español existe la palabra *tabla* como parte de una mesa, hizo para el Esperanto la palabra *tablo*.

Y expongamos una frase a la curiosidad de nuestros lectores:

***La patrino ama estas la subteno de sia infano***
***La madre amorosa es el sostén de su niño.***

¿No es esto sencillamente maravilloso? Estamos seguros de que la mayoría de nuestros lectores no hubiera necesitado la traducción para saber el significado de la frase.

Sólo nos resta añadir, para terminar esta breve explicación sobre el idioma auxiliar, que los esperantistas no han tenido jamás la pretensión de que sean suprimidos los idiomas nacionales para ser sustituídos por el Esperanto, como única lengua en todo el mundo. Nuestro deseo es muy modesto, pues solamente queremos que sirva de magnífica ayuda en los viajes por lejanas tierras, que se utilice en las conferencias internacionales, en la industria, el comercio y en la difusión de la ciencia. Nosotros, los esperantistas españoles, no renunciamos a nuestro idioma materno, que ha producido tan maravillosos monumentos literarios. Eso jamás ha pasado por la mente de ningún esperantista español, como tampoco lo ha querido ningún italiano, orgulloso de su Dante, ni ningún inglés, de su Shakespeare, ni ningún alemán, de su Goethe.

Los esperantistas sólo aspiramos a que el Esperanto sea un idioma auxiliar internacional al servicio de la humanidad.—*J. B.*

# NOTICIARIO

*Un notable periodista opina.*—Zamenhof no es solamente el autor del más completo, perfecto y práctico proyecto de una lengua internacional; es, además, uno de los mayores bienhechores de la Humanidad. Dejó como herencia a todo el mundo la obra de toda su vida, el idioma Esperanto, el trabajo de propagarlo en los difíciles períodos de su nacimiento, y sus bellos discursos y tratados. Se puede decir de él que su clarividencia le hizo comprender las necesidades actuales del mundo. Como uno de sus méritos, se puede decir que Zamenhof no trabajó exclusivamente para la apartada clase de los científicos; dedicó su obra a todos los hombres en general, y esto lo prueba la sencillez y facilidad que dió a su lengua.

Alfredo R. Antigüedad, en «El Diario Vasco», San Sebastián.

*Hasta jefes de gobierno lo quieren.*—El Presidente del Gobierno holandés, Dr. Willem Drees, en una conferencia de prensa, declaró que es un asunto muy importante enseñar a todas las personas un segundo idioma común, y que solamente el Esperanto es capaz de jugar un importante papel en este terreno. El Dr. Drees es esperantista y desde su alto puesto ha hecho por la difusión del idioma internacional cuanto le ha sido posible.

«Nederlanda Esperantisto», Amsterdam, Holanda.

*Hubo que corresponder con gentileza.*—El citado Jefe del Gobierno de Holanda ha aceptado ser Honorable Protector del 39° Congreso Internacional de Esperanto, que se celebrará el próximo verano en Haarlem, Holanda, título que los organizadores de dicho Congreso le han ofrecido a causa de sus relevantes méritos.

*Esperanto en films documentales.* — El nuevo Cónsul General de Australia, en Suiza, y al mismo tiempo Delegado permanente en la sede europea de la O. N. U., Sr. Ralph Harry, el 18 de Diciembre presentó en el Palacio de las Naciones, de Ginebra, el film documental «Aŭstralio hodiaŭ» (La Australia de hoy), con banda hablada en Esperanto. Con tal motivo y ante una numerosa concurrencia de alto personal de la organización mundial, el Dr. Edmond Privat, Profesor de Filología de la Universidad de Neuchatel, habló sobre el uso del Esperanto en las conferencias internacionales.

El Ministerio de Negocios Extranjeros de Holanda está rodando un film en el idoma internacional, sobre temas nacionales, con el título «Lando kaj Popolo» (País y Pueblo), para ser proyectado durante el próximo Congreso Internacional de Esperanto.

«Heroldo de Esperanto», Scheveningen, Holanda.

*Tuvieron que comer maíz.* — ¿Por qué en Alemania se comió maíz durante bastantes meses, al terminar la guerra? La culpa la tuvo un insignificante soldado americano, del servicio de intérpretes. Este soldado tradujo la palabra alemana «korn» literalmente por la inglesa «corn», y a consecuencia del telegrama cursado a Estados Unidos, con este error, comenzaron a enviarse buques cargados de maíz. En Norteamérica, «corn» tiene el significado de maíz, y la traducción de la palabra alemana «korn» debió haber sido «wheat» o «grain» para que se hubiera embarcado trigo, que era lo que se deseaba.

¡La falsa traducción de una palabra tuvo tamaños efectos!

«Germana Esperanto-Revuo», Koln, Alemania.

*Modo práctico de crear una amistad internacional.* — El periódico «De Typhoon», de Zaandam, Holanda, ha empezado a publicar un nuevo curso de Esperanto, en coordinación con otros similares que se están publicando en periódicos suecos y noruegos, cuyos participantes irán poniéndose en relación en el transcurso de dichos cursos. «De Typhoon». organiza, para sus cursillistas, excursiones al extranjero.

«La Praktiko», Den Haag, Holanda

---

**Como citamos en otro lugar, hemos impreso una tirada especial de prospectos de propaganda, consistentes en la reproducción de la cubierta de este número de nuestro boletín. Por la extensión del texto que con tal objeto publicamos, nos hemos visto obligados a suprimir algunas secciones fijas de nuestro periódico. Confiamos en que la comprensión de nuestros lectores sabrá disculparnos.—Red.**

PERIS-GRAN VIA M. TURIA, 28-VALENCIA